# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
10-a jaro N-ro 1 (36) marto 2011


**Kovrilfoto: Hou Zhiping**

NOVAĴO

**S-ro LI Shijun (Laŭlum) naskiĝis en 1923 en Ĉino, esperantistiĝis en 1939. De 1983 li estas membro de la Akademio de Esperanto kaj eksa vic-ĉefredaktoro de El Popola Ĉinio. Li instruis Esperanton al sennombraj lernantoj, esperantigis grandan kvanton da ĉinaj literaturaĵoj, i.a. tri el la kvar plej famaj noveloj de antikva Ĉinio, t.e. "Romanoj pri la tri regnoj", "Ĉe akvorando" kaj "Pilgrimo al la okcidento". Dank' al lia kontribuo li ricevis la premion Grabowski de UEA en 2003 kaj la plej altan premion de la ĉina traduka rondo, Dumviva Honora Premio de la Ĉina Tradukista Asocio en decembro de 2010. Pasintjare li persone partoprenis en la kunsido de Ĝemelaj Urboj dum la 6-a Esperanto-kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio kaj faris paroladon. Poste li invitite verkis por nia bulteno tiun ĉi artikolon.**

**La redaktoro**

## Pri ĝemeligo de urboj

Li Shijun



**(Foto: Hou Zhiping)**

Esperanto havas sian noblan idealon kaj celas interkomprenon kaj amikiĝon de la popoloj por bone kunlabori kaj krei pacan kaj harmonian socion internacian, ke la homaro vivu feliĉe kiel granda rondo harmonia. Por realigo de tiu nobla idealo, ĝemeligo de diverslandaj urboj estas afero entrepreninda.

Certajn sukcesojn oni jam atingis en tiu afero kaj ni devas bone resumi la spertojn akiritajn por fari pluajn paŝojn pli rapide kun pli grandaj sukcesoj. Pasintaj aranĝoj jam montris al ni, ke ĝemeligo de malsamlandaj urboj per kuna klopodado de esperantistoj de la koncernaj landoj kaj urboj povas intensigi la rilatojn inter esperantistoj, entrepreni kulturajn interfluojn kaj turismajn aktivadojn kaj interhelpi en artaj kaj sciencaj aferoj. Ekzemple, la ĝemeligo de la ĉina urbo Changzhou kun la japana urbo Takatsuki ebligis ne nur intervizitadon de ĉinaj kaj japanaj geesperantistoj de tiuj du urboj, sed ankaŭ sukcesis helpi ĉinan entreprenon importi ekipaĵojn el Japanio.

Estas dezirinde, ke la esperantistoj altiru al si atenton kaj intereson de la neesperantistoj per sia aktivado de ĝemeligo de siaj urboj. Kiam oni faras viziton al alilanda fratina urbo, oni kunportu nombron da neesperantistoj interesitaj, por ke ili profitu el la aktivado kultura kaj turisma kaj helpu ilin per Esperanto en la aktivado (ekzemple interpretado en kontakto kun alilandaj esperantistoj kaj pere de ili kun lokaj popolanoj), por ke ili vidu la praktikan uzeblecon, utilon kaj la lernindon de la internacia helpa lingvo.

Por akceli la disvolviĝon de la ĝemeligo de urboj, oni devus aranĝi specialajn seminariojn kaj konferencojn por interŝanĝi spertojn kaj diskuti la problemojn kaj fari esplorojn pri novaj eblecoj kaj ŝancoj por disvolvo de la afero. Ne nur la landaj asocioj devas doni multan atenton pri la ĝemeligo de urboj, sed ankaŭ internaciaj organizoj devas aparte intensigi sian prizorgon de tiu laboro por ĝia sana evoluado.

## Du urboj plejprobable ĝemeliĝos pro esperantisto

S-ro LIU Weijie, estrarano de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio, kiel oficisto de iu departemento de la registaro de la provinco, faris laboran viziton al la suda Koreio en la pasinta oktobro. Dum vizito li elmontris sian esperantistecon al diversaj homoj kontaktitaj kaj renkontiĝis kun esperantistoj. Kiam li kontaktis koncernajn personojn el la urbo Pocheon kaj kunsidis kun ili, animite de la projekto li proponis al ili sian ideon ĝemeligi Pocheon kaj iun urbon de la provinco. Neatendite aktiva respondo el la urbo venis post kiam li revenis al Ĉinio nelonge. Post detala konsidero Chaoyang de la provinco estis elektita kiel celurbo. S-ro Liu akompanis reprezentanton de la urbodomo de Pocheno viziti Chaoyang en decembro kaj refoje vizitis la urbon por preparaj laboroj en la 11-a de marto 2011. Interŝanĝinte necesajn dokumentojn nun ambaŭ flankoj havas komunan intencon ĝemeligi la du urbojn. Laŭplane la urbestro de Pocheon vizitos Chaoyang en la venonta aprilo aŭ majo. Poste la urbestro de Chaoyang faros returnan viziton al Pocheon. Atendatas ĝojiga novaĵo el ili.

## Li substrekis...




En la pasinta decembro s-ino Ivanka STOYANOVA, esperantisto el Bulgario kaj nun redaktoro de El Popola Ĉinio intervjuis s-ron HAN Zuwu, prezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio. S-ro Han respondis 11 demandojn levitajn de Ivanka. Li diris, ke Esperanto ŝanĝis lian vivon, Esperanto donis al li la ŝlosilon malfermi la pordon kontakti diverslandajn amikojn en la mondo, konstruis la ponton kondukantan al interkompreno, amikiĝo kaj kunlaboro inter popoloj tra la mondo kaj riĉigis sian vivon... je la demando "Ĉu laŭ vi Esperanto estas utila lingvo por internacia komunikado kaj progresos kiel internacia lingvo?" S-ro Han porekzemple faris klaran kaj jesan respondon per la agado de ĝemelaj urboj. Li diris: "Nia Asocio sendas asocianojn al la ĝemelaj urboj: Kobeo de Japanio, Inĉono de Koreio, Lodzo de Pollando kaj Melburno de Aŭstralio por fari interŝanĝon kaj profundigi niajn intimajn rilatojn inter internaciaj ĝemelaj urboj. Venontjare laŭ la invito de Kobe-a Esperanto-societo, ni sendos junajn asocianojn al Kobeo, por partopreni en la Kansaja Kongreso de Esperanto. Pere de Esperanto ni klopodas trovi la vojon por servi al nia politiko pri "reformado kaj malfermado", kunlaborante kun diverslandaj amikoj en multaj flankoj." Interese laŭ lia rankonto eksterlandaj esperantistoj, kiujn li unuafoje kontaktis kaj akceptis, venas el la ĝemelurbo Melburno. Ankaŭ s-ro Han aktivas en nia movado kiel membro de Internacia Ekzamena Komisiono kaj de la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro de ILEI/UEA, komitatano de IFEF, Fak-delegito (fervojoj kaj instruado) de UEA kaj prezidanto de la Ĉina Fervojiista Esperanto-Asocio. La tema foto montras s-ron Han (dekstre) kaj esperantiston el la ĝemelurbo Kobeo dum lia vizito al Japanio en 2007.

El la retejo http://www.espero.com.cn/

URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Neforgesebla esperantista urbestro

Jay Tillman WILLIAMS estis elektita dufoje kiel urbestro de Garden Grove, Kalifornio, Usono en 1976 kaj en 1987 kaj dufoje kiel membro de la urba parlamentano en 1980 kaj 1987. Li forpasis pro longa malsano en la 14-a de februaro 2008. En okuloj de liaj familianoj li estis bona edzo kaj patro, en okuloj de liaj kolegoj li estis bona gvidanto kaj amiko, samtempe en okuloj de esperantistoj li estis eminenta esperantisto, kontribuanto al Esperanto kaj elstara gvidanto kaj organizanto de la Esperanto-movado. Unu el la plej fortaj pruvoj al liaj agadoj en la movado estas, ke li donacis sian propraĵon: 8 hektara terpeco en la kalifornia alta dezerto ĉ. 200 kilometrojn nordoriente de la urbo Los-Anĝeleso, kaj kune kun grupo da samideanoj fondis la ne-profitcelan organizaĵo Oazo de Esperanto, kiu celas krei veran oazon en la dezerto, oazon kiu ankaŭ estus internacia eduka kaj kultura centro. La diroj de lia filino Leslie Ann WILLIAMS plue pruvas, ke s-ro Williams estas vera esperantisto kiu ĉiam estas plena de kredo kaj pripensoj al la bela futuro de Esperanto. Ŝi diris: “li estis membro de la Oranĝo-gubernia Demokratia Partio kaj gvidanto de la landa Esperanto-organizaĵo. Li akcelis Esperanton kiel internacia lingvo, kaj forte kredis, ke Esperanto povis alporti popolojn de la mondo kune al unu komunaĵo.”

Antaŭ partopreni en la ELNA kongreso en Meksiko okazinta en 2007, s-ro Neil Blonstein, reprezentanto de UEA ĉe UN, havis la honoron gastiĝi ĉe Williams. Eble li estis la lasta gasto kiun li akceptis.

## Urbestro gratulis esperantistinon pro ŝia volontula laboro




S-ino Margaret CHALDECOT estas honora dumviva membro de Aŭstralia Esperanto Asocio. Ŝi eklernis Esperanton en 1962. En 1970 ŝi fariĝis sekretariino de la Sidneja Esperanto Societo. De 1981 ĝis 1984 ŝi estis prezidanto de la Sidneja Esperanto Societo. Poste ŝi estis sekretario de la Novsudkimruja Esperanto Federacio kaj havis diversajn postenojn. Ankoraŭ nun ŝi deĵoras en Esperanto domo ĉiun merkredon kaj redaktas la novaĵleteron de la federacio nomitan Telopeo. Ŝi instruis Esperanton kaj partoprenis en pluraj Universalaj kongresoj en Kubo, Islando, ktp. Ĝuste pro la volontula laboro de Margaret por Esperanto s-ro Pat REILLY, la urbestro de Willoughby, gratulis ŝin en la 13-a de novembro 2008. Margaret estis unu el la nomumitaj personoj por la premio Volontulo de la jaro 2008 en Novsudkimrujo.

El http://esperantoensidnejo.weebly.com
kaj http://australiaforumo.freeforums.org/

Urba stilo kaj trajto

**Kopenhago, kongresurbo de la 96-a UK**

## Urba historio




Kopenhago situas sur la orienta bordo de la insulo Selando (Sjælland) kaj parte sur la insulo Amager, kontraŭ la markolo konata kiel Øresund kaj la svedaj urboj Malmö kaj Landskrona. Ĝi estas ĉefurbo de Danio kaj la plej granda urbo kun 1.181.239 loĝantoj (2010). La nuna urbestro estas Frank JENSEN.

Kopenhago estis fondita ĉ. 1000 de Sweyn 1-a Forkbarta kaj lia filo Canut la Granda. Ĝi estis tiam nur fiŝista vilaĝo ĝis la mezo de la 12-a jarcento. La bonega haveno antaŭhelpis la grandiĝon de Kopenhago al gravega komerca centro (el tio la nomo). Dum la 2-a Mondmilito Kopenhago kaj la tuta Danio estis okupitaj fare de la germanaj trupoj, de aprilo 1940 ĝis majo 1945. La originala nomo de la urbo, de kiu devenas la nuna dana nomo, estas Kjøbmandehavn, kiu signifas "haveno de komercistoj". La Esperanta nomo de la urbo devenas de la germana nomo, Kopenhagen.

Kopenhago estas centro de politiko, tie troviĝas la nacia parlamento, la registaro kaj la monarkio. Kopenhago estas centro de ekonomio, tie kolektiĝas la plej granda parto de la gravaj industrioj de la tuta lando kiel manĝaĵo, ŝipo, mekaniko, elektroniko ktp. Ĝi estas kaj centro de tradicia komercado kaj ŝipveturado kaj urbo de novaj fabrikado-industrioj. Tie estis konstruita triono da la fabrikoj de la tuta lando.

Kopenhago estas centro de kulturo, tie montriĝas diversaj kulturoj de Danio, ekz. literaturo, arto, eduko, sciencoj, turismo, famuloj, moroj ktp. Originoj kaj evoluaj orbitoj pri ili estas troveblaj en tieaj diversaj muzeoj, ekz. La Nacia Muzeo, Muzeo Ny Carlsberg Glyptotek, Muzeo de Louisiana k.s. Ĝi estas naskiĝloko de fabeloj de Hans Christian Andersen, pro tio ĝi estas nomata kiel la fabla mondo, i.a. la bronza statuo de la Marvirineto, simbolo de Danio, originis de lia fabelo. Kopenhaga Universitato fondiĝinta en 1479, estas la plej antikva univerisitato de Danio, ĝi ne nur pruvas longan historion de eduko de la urbego, sed ankaŭ solidan bazon de la landa eduko. Krome Kopenhago alte taksas protekon de medio, ĝi estas unu el la plej medio-amikecaj urboj en la mondo.



## Esperanto-movado

Koncerne la Esperanto-movadon oni tuj mencias s-ron Frederik Skeel-Giorling. Estas li kiu plejfrue alportas Esperanton al Kopenhago. En la 2-an de januaro 1908 estis tie fondita la plej frua Esperanto-organizaĵo la Konversacia Esperanto-Klubo (KEK). Poste aperis Centra Dana

Esperantista Ligo (CDEL), nome la posta Dana Esperanto-Asocio (DEA), Dana Laborista Esperanto-Asocio (DLEA), Kleriga Konversacia Klubo (KKK), la kopenhaga Studenta Esperanto-Klubo, eĉ la Esperanta eldonejo "Koko". La eldonejo faris nemalmultajn valorajn laborojn, i.a. apero de la Esperanto-versio de fabeloj de Andersen. Indas mencii, ke s-ro YE Junjian (aliaj nomoj: Cici Mar aŭ Yeh Chun-chan), fama verkisto de Ĉinio, komence sciis la fabelojn tra Esperanto kaj ĉinigis ilin el la dana versio, pro kio en 1988 li estis honorita de la dana reĝino per medalo "la dana nacia standardo". Tie jam trifoje okazis UK en 1956, 1962 kaj 1975, kaj SAT-kongreso frue en 1939, kaj la 96-a UK okazos de la 23-a ĝis la 30-a de julio 2011. Nuntempe estas regulaj aktivecoj en du urbaj kluboj, la tradicia Kopenhaga Esperanto-Klubo kaj en la nova FESTOKLUBO.

## Ĝemelaj urboj

Nuntempe Kopenhago ne havas oficialajn ĝemelajn urbojn, sed havas partnerajn urbojn, kiuj kunlaboras kun si en specialaj terenoj. Ili estas Parizo kaj Marsejo en Francio, Prago en Ĉeĥio, Rejkjaviko en Islando kaj Berlino en Germanio, kaj esperantistoj aŭ esperanto-grupoj estas en tiuj urboj.

Inter ĝemelaj urboj

## Rekontakto inter Toowoomba kaj Takatsuki

Sub helpo de la projekto rekontaktiĝis esperantistoj en la ĝemelurboj Toowoomba (Aŭstralio) kaj Takatsuki (Japanio). La 22-an de majo 2010 la komisiito ricevis mesaĝon de s-ino Hazel GREEN, sekretario de Toowoomba Esperanto-Societo. Ŝi skribis tiel: Ni en la Toowoomba Esperanto-Societo nun ne scias kiel kontakti la Esperanto-Societon en Takatsuki, kvankam antaŭ jaroj ja estis bonaj kontaktoj. Mi rimarkis kun intereso viajn raportojn pri la esperantistoj en Takatsuki en lastatempaj informiloj de Ĝemelaj Urboj. Se eblas mi petas, ke vi sendu al mi kontaktadreson por la esperantistoj en Takatsuki". La komisiito tuj kontaktis kelkajn estraranojn de Esperanto-Societo en Takatsuki (EST). Samtage s-ino Green ricevis la respondon de s-ro Nakatu Masanori, vic-prezidanto de EST. Ambaŭ flankoj rerilatiĝis post kelkjara interrompiĝo.

## Esperanto rolas en fortigo de ĝemela rilato inter tradiciaj kulturoj

Kumano-kodoo (budahisma pilgrimvojo en Wakayama, Japanio) kaj Santiago de Kompostela (kristanisma pilgrimvojo en Hispanio) havis la ĝemelan rilaton en 1998. Kaj nun ambaŭ estas mondaj kulturaj heredaĵoj. Okaze de la 69-a Hispana Kongreso de Esperanto (la 2a-5a de julio, 2010), petite de la organizantoj, s-ro EGAWA Harukuni faris Video-prelegon kun la bildoj de Kumano-kodoo. La temo estis "Transkultura dialogo inter pilgrimaj vojoj en la mondo gvidos al la kreo de Paca Kulturo". Pri la biloj de Kumano-kodoo la aŭtoritatularo de la gubernio Wakayama helpis s-ron Egawa, ĉar tio servos por pli internacia kompreniĝo kaj akcelos turismon unu la alian. Per tia maniero ni povis propagandi nian agadon ne nur al

la aŭtoritatularo, sed ankaŭ tion ekster nia movado. La rolo de Esperanto estas tre granda, precipe inter foraj ĝemeloj pro ne tiel multa kontakto de ambaŭ urbanoj kaj lingva baro.

Raportis s-ro Harukuni EGAWA






**Vizito al la ĝemela provinco**




La provinco Shandong en Ĉinio kaj la gubernio Wakayama en Japanio havas oficialan ĝemelan rilaton. Kune kun aliaj du samlandanoj s-ro Harukuni EGAWA, esperantisto el la gubernio partoprenis en la 4-a Internacia Festivalo de Esperanto okazinta inter la 10-a kaj la 12-a de septembro 2010 en la urbo Zaozhuang de la provinco. Dum la festivalo li faris prelegon por studentoj pri turismo, prezentis japanan dancon, ĉeestis al la 3-a Internacia Foto-konkurso de Esperanto, donacis librojn al Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. Ĉi ĉio sufiĉe esprimis lian deziron al kunlaboro inter la gubernio kaj provinco. Indas mencii, ke s-ro Egawa havas certan prestiĝon en la gubernio, ĉar li estas direktoro de Wakayama Unesko-Societo kaj speciala komisiito pri la monda heredaĵo en tri gubernioj. Li utiligas ĉi tiujn superaĵojn dediĉi sin al Esperanto kaj ĝemelaj aferoj, inkluzive de ĝemelaj urboj. N-ro 5 Informilo de Ĝemelaj Urboj havis detalan raporton.

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLES, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj
Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de